24a Jaro - N°7 (257) Jara Kotiz-Abono Fr. 35,— Julio 1938a

# BELGA ★ ESPERANTISTO

Monata Revuo fondita en 1908a

Oficiala Organo de Reĝa Belga Ligo Esperantista

Societo sen profita celo. --- Belga Ŝtatgazeto 27.6.38

DIREKTORO:
Maur. JAUMOTTE
44, Avenuo De Bruyn
Wilryck-Antverpeno

LA SENFINA RONDO

## Rapide forpasis tri belaj tagoj....

### La Kongreso de Charleroi estas for, sed ne forgesata.

La Kongreso de Charleroi havis iun tre specialan karakteron: Kutime niaj Kongresoj estas organizataj de kelkaj fervoruloj, kiuj, jam de iom da tempe, ofte jam de longe, laboras, laboradas en nia mezo kaj kiuj do, je iu momento, petas la estraron de Reĝa Belga Ligo konfidi al ili la organizon de Kongreso aŭ almenaŭ akceptas de ĝi tiun taskon.

Kaj tiam tiuj fervoruloj, kiuj jam scias kio estas Kongreso, kia estas precipe Kongreso de Belga Ligo, ekkomencas laboregon, kiu ĉiam, senescepte, — ni tion kun iom da fiereco povas konstati, — kondukis niajn jarfestojn al plej glora sukceso.

Kiam ni parolis, antaŭ kelkaj monatoj, inter Esperantistoj, pri la Kongreso de Charleroi, tutalia estis la atmosfero, ol antaŭ aliaj Kongresoj.

L.K.K. estis ĉiam por ni tri literoj, kiuj ekvokis antaŭ nia spirito la vizaĝojn de kelkaj tre bonaj, tre karaj samideanoj.

Tiun ĉi fojon, tiuj tri literoj nenion ekvokis, ĉar, por 997 milonoj inter ni, la tuta LKK estis nekonata.

Kaj tamen la Kongreso de Charleroi venigis al la ĉefurbo de la Nigra Lando, ni diru, saman grandan nombron de amikoj, kiel tiu de Antverpeno allogis al nia granda havenurbo.

Kaj se iuj, pro la nekonateco de la organizantoj, eble iun momenton timis pri ne-enordigo de kelkaj detaloj, ni nun povas, kun kontentegeco, atesti antaŭ ĉiuj niaj Kongresanoj, ke tiu nekonata L.K.K. organizis la aferojn plej bone; aranĝis por ni tri tagojn plej agrablajn kaj helpis do redoni al ni, unufoje pli, tiun forton, kiun ni iras ĉiujare ĉerpi en nia granda jarfesto.

Kaj la sekvo de la Kongreso estas, ke tie, kie antaŭ kelkaj monatoj ekzistis nur sekcio de iu Multlingva Klubo, kiu, ni diru ekkomencis la lernadon de nia lingvo, nun restas, post nia foriro aro da konvinkitaj Esperantistoj, kiuj povis vidi klare, kiel nia idealo de frateco alkondukis al ilia urbo, ne homojn parolantajn la diversajn lingvojn reprezentatajn per la diversaj sekcioj de la « Cercle Polyglotte », sed ununuran lingvon, la lingvon de frateco.

Por la unua fojo en sia vivo, ili staris meze de Kongreso, en kiu ili ne povis rekoni la valonojn de la flandroj; la nederlandojn de la francoj aŭ de la angloj.

Kaj se ili, per sia organizspirito, alportis al ni feliĉajn tagojn, ni alportis al ili, — iliaj leteroj de post la Kongreso tion atestas —, la grandan feliĉon, senti sin nun anoj de nia granda familio, kiu ne konas la limojn de niaj urboj kaj vilaĝoj, de niaj provincoj, de niaj regionoj, eĉ ne de nia regno.

Kaj el tiuj ricevitaj leteroj ekmontriĝis, ke ni ne lasis en Charleroi grupon, lacigitan pro la troa laboro, sed grupon fortigitan per nova Idealo.

Karaj Gelegantoj: Proksiman jaron la Kongreso okazos en Hasselt.

En tiu urbo, ni kalkulas nur kelkajn malnovajn, eĉ tre malnovajn samideanojn.

Sed ironte al Hasselt, ni ne devos pensi nur pri NIAJ tri tagoj, plej agrable pasigotaj. Ankaŭ tie, ni devos pensi pri tio, kion ni postlasos en tiu malnova, iom eksterkuŝanta ĉefloko de la nemultevizitata provinco Limburgo.

Ankaŭ tie, ni devos postlasi la fidon en nia Idealo, la fidon en nia kredo, ke ĉiuj Esperantistoj havas sian lokon en nia organizaĵo, ĉar, al kiu landparto ili apartenas, al kiu religio aŭ kiu ajn politika partio, ili povas, kun ni, komunii en la sama penso de dankemo al nia Majstro kaj de espero en la estonteco de mondo, kiun ili kaj ni esperis pli belan, ol ĝi nun post la milito iĝis

Maur. JAUMOTTE.

---

**Okaze de la libertempa periodo, la sekvonta numero estos tiu de Aŭgusto-Septembro.**
**La nuna numero aperis la 7-an de Julio; la sekvonta aperos la 15-an de Aŭgusto; tiu de Oktobro, la 23-an de Septembro kaj tiu de Novembro, ree la 1-an de la monato.**

# XXVII-a Belga Kongreso de Esperanto

## Charleroi, 4a ĝis 6a de Junio

**Por nia internacia semajna organo « Heroldo de Esperanto » nia sekretario S-ro Charles Poupeye, kunmetis raporton, kiu koncize sed tamen tre komplete skizas la diversajn okazintajojn de nia Kongreso, kiu kunigis en Charleroi pli ol 200 gesamideanoj, inter kiuj pli ol dudek eksterlandanoj: Nederlandanoj, Francoj kaj Britoj.**

**Por faciligi al ni la taskon de raportado pri nia jarfesto, ni regluos kaj do ankaŭ represos tiun tutan raporton, enŝovante nur, ĉe l'komenco kaj eble ankaŭ ialoke, kelkajn frazojn, kiujn ni presos per aliaj literoj:**

### Ĉiuj al Charleroi.

*Sabate posttagmeze, jam tre frue, la plej granda parto de la Kongresanoj forlasis siajn hejmojn, por veturi al Charleroi, tiel ke ili povu ĝui la tutan programon.*

*Kaj tiel renkontiĝis jam en la vagonaroj el Bruselo, samideanoj venintaj el la diversaj urboj belgaj.*

*La Kongresejo estis organizata, tutapude de la stacidomo kaj ĉiuj kongresanoj havis ankaŭ sian loĝejon tutapude de la Kongresejo kaj de la salonoj, en kiuj estis organizataj la diversaj aranĝoj.*

*La L.K.K. efektive laboris en unu el la multnombraj salonoj de la granda Komerca Borso, je kies fasado, flirtis niaj verdaj flagoj.*

*Por ĉiu kuŝis sur la tabloj, speciala koverto, kun ĉiuj dokumentoj kaj kun broŝuroj kaj detala programo.*

*Tutapude estis saloneto aranĝita kiel skriboĉambro kaj metita je la dispono de la Kongresanoj.*

*Ni citu la nomojn de la membroj de la LKK: S-ro R. Marghem, prezidanto; S-ro Cam. Cafonnette, vicprezidanto, S-ro Nestor Molle, sekretario, S-ro Emile Severin, kasisto kaj S-roj L. Degreef, V. Demoulin, R. Goodwin, Em. Pettiaux, A. Ringlet kaj J. Waterlot, komisaroj.*

### La Laborkunsido.

Sabate, je la 17-a, en la granda salono de la Borso, okazis la unua laborkunsido. D-ro Kempeneers, Prezidanto de Reĝa Belga Ligo Esperantista, ĝin malfermis kaj S-ro Marghem, Prezidanto de la L.K.K., bonvenigis la aliĝintojn. La ĝenerala diskuto estis enkondukata de F-ino Thooris, Liga vicprezidantino, kiu pritraktis la temon : « Ni vivu feliĉaj en Reĝa Belga Ligo », donante direktilojn al la novaj membroj kaj novaj grupestroj kaj skizante la historion de la Ligo. — Post tio sekvis ĝenerala kunsido de la delegitoj kaj vicdelegitoj de IEL. S-ro Jaumotte, Liga Vicprezidanto, senkulpigis S-ron G. Van den Bossche, ĉefdelegiton malhelpantan, kaj legis ties raporton. F-ino Jennen, Liga Administrantino, raportis pri la demando « Esperanto en la Lernejojn ». Diversaj aliaj gekongresanoj parolis pri kursoj per radio kaj propagando ĉe la lernejaj gejunuloj S-ro Jaumotte ankoraŭ detale raportis pri Belga Esperanto-Instituto kaj faris alvokon por favorigi tiun eldonejon per mendoj kaj aĉeto de akcioj. Fine D-ro Kempeneers alvokis al la Londona Kongreso kaj al la internacia semajno en Malo-les-Bains (Francujo).

*Je la 6-a proksimume, la Prezidanto fermis tiun unuan kunsidon, kiu estis enkondukata per fajra « Espero » gramofone ludata kaj kunkantata de ĉiuj ĉeestantoj.*

*Kaj la Kongresanoj disponis tiam pri du horoj por jam iomete konatiĝi kun la urbo kaj por vespermanĝi, antaŭ la unua vesperfesto.*

### La interkonatiĝa vespero.

Je la 20-a, okazis en la sama ejo, interkonatiĝa vespero malfermata per ludado de « La Espero ». Karloreĝaj popolkantoj, esperantigitaj de S-ro Alofs, estis kantataj de li kaj de S-ino Poupeye. S-ro Bingham el Londono, anstataŭante S-ron Blaise malhelpatan, prezentis lumbildojn pri la kongresurbo Londono. Loka violonvirtuozo, S-ro Grumiaux, entuziasmigis la ĉeestantaron per sia artplena ludado. Post tio, S-ino M. Elworthy-Posenaer prezentis kelkajn lumbildojn pri estintaj pioniroj kaj D-ro Kempeneers vidigis ege interesan filmon pri estintaj kongresoj kaj esperantaj okazintaĵoj. La teatra sekcio de la Brusela Grupo tiam talentplene prezentis la belan komedieton « Amaj Ruzetoj » de Lucette Faes-Janssens. La geaktoroj Ges-roj kaj F-ino Pierre, S-ro Vander Hecht, S-ino Plyson kaj F-ino Kestens akiris meritítan sukceson. Tiun parton finis tiam la konata kaj simpatia H. Moy Thomas, kantante kelkajn perlojn el sia repertuaro kun gitara akompanado kaj eĉ kun gracia dancado de F-ino A. Brankamp. Post tiu longa programo restis nur malmulte da tempo por dancado, kiu tamen estis ĝoje foruzata.

*Se ni ŝuldas dankon al ĉiuj niaj esperatistaj geamikoj, kiuj bonvolis agrabligi tiun vesperon, ni tamen volas aparte esprimi nian dankemon al la juna violonvirtuozo Arthur Grumiaux, kiun ni, ĉi supre, citis, kaj kiu, kvakam ne-Esperantisto, bonvolis ludi por ni kelkajn plej belajn ariojn.*

*Arthur Grumiaux estas apenaŭ 17-jara kaj tamen li jam rikoltis multajn laŭrojn pro sia miriga virtuozeco. 14-jara, li jam povis fieri pri unua premio por violonludo kun granda merito en la Brusela Konservatorio kaj pri sama premio por ĉambromuziko.*

*En 1936, li gajnis la virtuozecan premion kaj specialan premion Canler. En 1937, li estis inter la konkurantoj de la Konkurso Ysaye.*

### Dimanĉe,

Diservo en la Preĝejo «Saint-Antoine» vokis unue tien la katolikajn gekongresanojn, kiuj aŭskultis profundpensan predikon en Esperanto de s-ro Pastro J. De Maeyer, Profesoro el Nivelles.

*Samtempe okazis en salono de la Borso, protestanta ceremonio, ĉeestata de dudeko da eksterlandaj kaj belgaj samideanoj, kiuj kantis psalmojn kaj kune preĝis.*

### La ĝenerala kunsido.

La ĝenerala kongresa kunsido okazis tuj poste en la Borsa Salonego. Sidis sur la podio: por Belga Ligo, D-ro Kempeneers, prez., F-ino Thooris kaj S-ro Jaumotte, gevicprez., S-ro Poupeye, sekr., S-ro Tassin, kasisto, F-ino Jennen kaj S-ro K. Decoster, geadministrantoj kaj S-ro Alofs, komisaro, plie S-ro Cogen, emerita vicprez kaj S-ino Elworthy-Posenaer emerita adminstr.; kaj por la L.K.K.: S-roj Marghem kaj Molle, prez. kaj sekr.

*Ni plie notis la ĉeeston de diversaj pliaj administrantoj F-ino A. Jennen kaj S-roj Vande Velde, Cafonnette kaj Wauters.*

D-ro Kempeneers malfermis, unue legante, je la aplaŭdoj de la ĉeestantaro, telegramon sendotan al la Honora Prezidanto de la Ligo : Lia Reĝa Moŝto Leopold III-a, poste atentigante pri la situacio de la Belga Ligo en nia internacia movado kaj pri la disvolviĝo de IEL kaj dankante fine la partoprenantojn, la gratulantojn (kies telegramoj

aŭ leteroj estis legitaj de la sekretario S-ro Poupeye) kaj ĉiujn kunlaborantojn.

Minuto da silentado sekvis kiel honorigo al la memoro de du karaj membrinoj mortintaj dum la lastaj monatoj: S-inoj De Ketelaere kaj Vermandere.

S-ro Poupeye, liga sekretario, tiam legis detalan raporton pri la liga aktiveco dum la pasinta jaro, raporton kiu estis aprobata per aplaŭdoj.

S-ro Jaumotte, mallonge sed kernece, informis pri diversaj propagandmetodoj. — Honorigaj vortoj kaj koraj aplaŭdoj estis ankaŭ direktataj al F-ino Obozinski el Bruselo pri ŝia 25-jara esperantisteco.

Tiam ankoraŭ S-ro Van Roye, sekretario de la Reĝa Bruĝa Grupo, nome de la tuta kongresanaro, direktis varmajn dankojn al D-ro Kempeneers pro lia agema gvidado de la Ligo.

S-ro Sengel, salutis la kongreson nome de la Roterdama Grupo « Espero », sekcio de LEEN, S-ro Maselier nome de la Asocio de blindaj esperantistoj kaj de la tuta franca esperantistaro, kaj S-ro Bingham nome de la Britaj samideanoj.

**La akcepto en la urbdomo.**

Post tio la kongresanaro sin direktis al la nova urbdomo, kie ĝi estis bonvenige akceptata de S-ro Godefroid, skabeno reprezentanta S-ron Tirou, urbestro, malhelpatan. D-ro Kempeneers dankis kaj atentigis pri la utileco de Esperanto en urbo kun internacia loĝantaro kiel Charleroi. Sekvis tre detala vizito de la urbdomo, nova konstruaĵo plej riĉa kaj artoplena, kun ĝiaj belegaj salonegoj, nekomparebla festsalonego, muzeo de pentraĵoj, belfrido, ktp. Post tiu longa vizito, la kongresanaro estis fotografata sur la ŝtupoj de la urbdoma enirejo.

**Flordemeto kaj vizitoj.**

Delegacio iris ĝis la Monumento al la Militmortintoj por tie demeti florgarbon, kaj ĉiuj sin direktis al hotelo « Terminus » kie okazis komuna tagmanĝo.

*Ni memorigu tie ĉi, ke la sabaton posttagmeze simila delegacio iris al la tombo de la karloreĝa pioniro S-ro Henraut, por ankaŭ demeti florgarbon, en ĉeesto de la filo kaj familianoj de la mortinto.*

*La tagmanĝo, — simpla ordinara manĝo —, okazis senceremonie. Ni notu tamen, ĉe la honortablo, S-ron Kempeneers, ĉirkaŭata de F-ino Thooris, S-ro Jaumotte, F-ino Jennen, Pastro De Maeyer, G-roj Cogen, S-ro Tassin, S-ro Poupeye, ktp.*

## La Honorgvardio de la XXVIII-a

1. S-ro Marghem, Charleroi.
2. S-ro P. Kempeneers, Bruselo.
3. F-ino Y. Thooris, Bruĝo.
4. S-ro M. Jaumotte, Antverpeno.
5. S-ro André Tassin, La Louvière.
6. S-ro Ch. Poupeye, Bruĝo.
7. S-ro L. Cogen, Ninove.
8. S-ro Faes A., Antverpeno.
9. S-ino Lucette Faes, Antverpeno.
10. S-ino D. Kempeneers, Bruselo.
11. S-ino M. Jaumotte, Antverpeno.
12. S-ro Alofs J., Bruselo.
13. F-ino Jacobs M., Antverpeno.
14. F-ino Loquet J., Antverpeno.
15. S-ino F. Staes, Bruselo.
16. S-ino S. Obozinsky, Bruselo.
17. S-ro Hasselier Fr., Kerkrade (N.).
18. S-ino H. Schoofs, Antverpeno.
19. F-ino M. Hofkens, Antverpeno.
20. S-ro A. Wauters, Antverpeno
21. S-ro H. Castel, Bruselo.
22. S-ino Lucie Castel, Bruselo.
23. S-ino M. Van Wanseele, Aalst.
24. S-ro Moy Thomas, Londono (A.)
25. F-ino M. Kestens, Bruselo.
26. S-ro Wauters M., Loveno.
27. F-ino A. Jennen, Bruselo.
28. S-ino A. Poupeye, Bruĝo.
29. S-ino A. Alofs, Bruselo.
30. S-ro A. Alofs, Bruselo.
31. S-ro Leono Schoofs, Antverpeno.
32. F-ino J. Nachtergael, Gento.
33. S-ino Petiau, Gento.
34. S-ino Cogen, Ninove.
35. S-ro Vander Hecht, Bruselo.
36. S-ro N. Molle, Charleroi.
37. S-ino M. Molle, Charleroi.
38. S-ro F. Penninck, Charleroi
39. S-ro R. Jaumotte, Antverpeno.
40. S-ro P. Hart, Bruselo.
41. S-ino Hart, Bruselo.
42. S-ro C. Cafonnette, Charleroi
43. S-ro E. Severin, Charleroi.
44. F-ino L. Meeuws, Bruĝo.
45. S-ro J. Waterlot, Charleroi.
46. S-ro Jacobsohn, Bruselo.
47. S-ino Jacobsohn, Bruselo.
48. S-ro A. Degreef, Charleroi.
49. S-ro L. Bas, Bruselo.
50. S-ro Henri Van Roye, Bruĝo.
51. S-ino Van Roye, Bruĝo.
52. S-ro Brankamp, Scheveningen(N.)
53. S-ino Brankamp, Scheveningen.
54. F-ino Brankamp, Scheveningen.

---

*Ne okazis toastoj. Nur kelkaj komunikoj estis farataj.*

Posttagmeze grupo de viraj kongresanoj vizitis detale la grandegan kaj interesegan ferfabrikejon « La Providence » dum la aliaj gekongresanoj vizitis la fame konatan « Universitaton de la Laboro » sub gvido de S-ro Alofs.

**La Festeno.**

*Post tiuj vizitoj restis al ĉiuj la necesa tempo por alivestiĝi por la vesperaj solenaĵoj.*

*La unua estis la festeno organizita en la Hotelo « Terminus ».*

*Belaj longaj tabloj estis starigitaj en la tuta longeco de la salono kaj proks. 150 kongresanoj partoprenis tiun belan feston.*

*Ĉe la honortablo, ni notis S-ron P. Kempeneers, prezidanton, ĉirkaŭatan de la gevicprezidantoj F-ino Thooris kaj S-ro Jaumotte; de S-inoj Kempeneers kaj Schoofs; de G-roj L. Cogen, emerita vicprezidanto; de S-ro Marghem, prezidanto de la L.K.K.; de la sekretario de la L.K.K. kaj S-ino Molle, de G-roj Poupeye kaj G-roj Tassin, de F-ino Jennen, de S-ino Jaumotte, dum S-ro Caffonnette, je la alia flanko de la tablo, grupigis ĉirkaŭ si la kunlaborantojn de la L.K.K.*

*S-ro Kempeneers elparolis la unuan toaston, je l'honoro kaj sano de nia Reĝo kaj de la membroj de la reĝa familio.*

*S-ro R. Marghem, nome de la L.K.K., dankis la kongresanojn pro ilia multnombra ĉeesto.*

*S-ro Tassin elparolis toaston je l'honoro de la sinjorinoj kaj S-ino Staes-Vandervoorde dankis kaj reciprokis.*

*S-ro Vander Stempel honorigis niajn fremdajn amikojn kaj respondis laŭvice S-ro Vernay kaj S-ino Brankamp.*

*S-ro Jaumotte proponis toaston je l' honoro de la LKK-anoj kaj citis speciale la nomojn de la prezidanto kaj vicprezidanto kaj aplaŭdigis tiun de la sekretario.*

Li konkludis per entuziasma alvoko por la venontjara kongreso en Hasselt al kiu tuj aliĝis kvindeko da ĉeestantoj.

*Post kiam ĉiuj estis ĝuintaj la bonajn manĝaĵojn (ni citu : Supo Lonchamp — Pleŭronekto Dugléré — Bovlumbaĵo, Legomoj, Terpomaj fritaĵetoj — Yorka ŝinko, Mimoza salato — Blanka sinjorino) kaj la trinkaĵojn (tri glasojn da blanka kaj ruĝa vino kaj la kafo) estis*

*ja tempo por komenci la grandan dancfeston.*

### La Kongresa Balo.

Je la 20-a, denove en la Borsa Salonego, okazis la kongresa balo, kiu daŭris en grandega amuzo ĝis la 2-a matene. La dancsekcio de la Reĝa Bruĝa Grupo prezentis grandsukcese du numerojn : « Gavoton » dancatan de F-inoj M. de Vooght kaj C. Volckaert kaj baleton « La Esperantista Honorgvardio », dancatan de F-ino M. de Vooght kaj de dekdu aliaj samideaninoj sub gvidado de Ges-roj P. de Vooght. La belegaj kostumoj de ambaŭ dancnumeroj kaj la artplena senerara prezentado valoris al la graciplenaj dancistinoj entuziasmajn aplaŭdojn.

*Ni citu iliaj nomojn: S-ino van Vooren de Miliano, F-inoj Rachel Berton, Obéline De Jaegher, Madeleine Devos, A.-M. Jehansart, Laurentine Meeuws, Cécile Volckaert, M.-J. Declerck, Monique de Vooght, Marg. Huyghe, Maria Mahieu, Jeanne Schepens, Cécile kaj Madeleine Willems.*

### La lunda ekskurso.

La lundo estis dediĉata al belega ekskurso. Speciala vagonaro kondukis la kongresanaron tra Lobbes kaj Thuin, laŭlonge de pentrindaj pejzaĝoj, al Chimay. Tie okazis en la urbdomo kora akcepto flanke de la urbestro S-ro de Marneffe, ĉirkaŭata de la urbestraro. Honorvino varmigis la korojn kaj apero de esperanto-resumo en eldonota gvidlibreto pri tiu turisma urbeto estis certigata.

Agrabla komuna tagmanĝo sekvis en salonego « Casino » kaj la ekskurso daŭriĝis per detala vizito, sub gvidado de S-ro Bradfer, estro de la urba turisma oficejo, de la interesa preĝejo, princa kastelo kaj parko. La promenado daŭriĝis piede ĝis Virelles, kie ĉe la bordoj de la plej granda lago de Belgujo, la gekongresanoj ĝuis bonan posttagmezan manĝeton, ĝis kiam ili devis, bedaŭrinde tro frue, forlasi tiun ĉarman lokon por retrovi la specialan vagonaron en Lompret. Tiu tiam rekondukis ilin tra Mariembourg kaj Walcourt; laŭlonge de pliaj naturaj belaĵoj, reen al Charleroi. Kantoj kaj ĝojo regis dum la tuta veturado kaj la gekongresanoj alvenis en la kongresurbo je la 18.30-a, kontentegaj pri tiu tritaga libertempo en amika esperanta rondo. Kaj tuj estis rapida disiĝo : ĉiuj partoprenintoj per manpremoj aŭ eĉ kisoj adiaŭis, unuj de la aliaj, promesante al si reciproke agrablan revidon en Hasselt dum la Pentekostaj tagoj de 1939.

Fine specialan mencion certe meritas ĉi-tie S-ro Jaumotte, kiu dum la tuta kongreso, per sia nekomparebla laŭta kaj klara voĉo, donis ĉiujn necesajn indikojn kaj ankaŭ plej lerte tradukis ĉiujn ne-esperantajn paroladojn aŭ klarigojn.

C. P.



La Kongr

### Dankon.

Ni ĉi tie dankas ĝenerale la gazetaron, kiu enpresis artikolojn pri nia kongreso, kaj speciale la « Gazette de Charleroi » kaj « De Nieuwe Gazet » (Antverpeno) pro ilustritaj raportoj.

Nia danko iras al tiuj du gazetoj ankaŭ pro la pruntedono, la unua, de la granda kliŝo ĉi supre, la alia de la kliŝoj pri Charleroi, Chimay kaj Virelles en la du antaŭaj numeroj.

**Noto. — En nia sekvonta numero ni ankoraŭ presos kelkajn tekstojn, resumojn, telegramojn kaj/aŭ leterojn pri nia XXVII-a.**

### Lasta listo de kongresanoj.

187. S-ro L. Leconte, Marcinelle.
188. S-ro Jean Regniers, Charleroi.
189. S-ro A. Sifico, Bruselo.
190. S-ino L. Sifico, Bruselo.
191. S-ro Fr. Deman, Gento.
192. S-ino M. Elworthy-Posenaer, Antverpeno.
193. F. M.-L. Tamboise, Flénu.
194. S-ro Jean Séné, Jeumont.
195. F-ino A. Carpentier, Charleroi.
196. S-ro Noel Piette, Quiévrechain.
197. S-ino L. Goodwin, Gosselies.
198. S-ro M. Lenain, Charleroi.
199. S-ro E. Cuisinier, Mons.
200. S-ro Léonce Malonne, Marcinelle.
201. S-ino Marthe Hubeau, Marcinelle.
202. S-ro Emile Hubeau, Marcinelle.
203. F-ino Simone Bury, Charleroi.
204. F-ino R. Carnel, Jamioulx.
205. S-ro Fernand Charlet, Haumont.
206. S-ro Jules Bissot, Sclessin.
207. F-ino M. Ganty, Pont-à-Celles.
208. S-ro Emile Ganty, Pant-à-Celles.
209. S-ro Claude Vernay, Dunkerque.
210. F-ino Berthe Froidmont, Marcinelle.

★



urbdomo.

# La uzo de la lingvoj en nia Ligo

Por respondi al kelkaj demandoj de novuloj en nia movado, pri la uzo de la lingvoj en la kunvenoj kaj kongresoj de Belga Ligo, ni diru, ke la nura lingvo kiun oficiale konas Reĝa Belga Ligo Esperantista estas la Esperanta Lingvo.

Nur ĝin oni uzas dum ĉiuj kunvenoj, ĉu estraraj, ĉu administrantaraj, ĉu ĝeneralaj, ĉu kongresaj.

Dum Kongreso, okazas regule, ke iu estrarano, en urbdomo aŭ ĉe akcepto de aŭtoritatuloj, nepre devas uzi nacian lingvon: la lingvo uzata de la prezidanto kaj de estraranoj estas la franca, dum kongresoj en Valonujo, la flandra, dum kongresoj en Flandrujo

Sed ni tuj aldonu, ke same ĉe akcepto en urbdomoj, kiel dum vizitoj al industriaj aŭ turismaj vidindaĵoj, la paroladoj kaj klarigoj estas ne nur resume sed preskaŭ laŭvorte tradukataj tuj de iu el la gvidantoj.

Tiel ĉiu kongresano plene ĝuas la tutan kongreson, kie ajn ĝi okazas kaj, aliflanke, tiu agmaniero ebligas nin, laŭ deca maniero, devigi la aŭtoritatulojn aŭskulti siajn proprajn paroladojn kaj klarigojn en Esperanto.

Restas alia uzo de lingvoj: la skriba. La estraro de Belga Ligo en siaj rilatoj kun eksterstarantoj kaj novuloj uzas kun ili, ne la lingvon de la regiono sed la lingvon uzatan de la interesulo mem.

Ĝian propagandon en la du landpartoj, la Ligo tamen faras en la respektivaj regionaj lingvoj aŭ en ambaŭ kune, se la dezirindeco ekzistas.

Fine estas uzo de nacia lingvo, kiu kostas monon; nome kiam temas pri presigo en la Ŝtatgazeto de oficialaj tekstoj.

Tiuj tekstoj estas ĉiam prezentataj al la kunvenoj kaj presataj en Belga Esperantisto Esperantlingve.

En la Ŝtatgazeto, ni tamen nur presas unu nacilingvan tekston.

Kiam temis pri la Statuto, la presigo okazis flandralingve, ĉar, tiumomente, la sidejo estis en Antverpeno.

Intertempe alia deviga enpreso okazis en franca lingvo, kaj ĉar la sidejo de nia Ligo nun estas en Bruselo, tiuj enpresoj okazos, laŭvice, en unu kaj en alia lingvo.

Tamen la estraro ĉiam zorgis. por ke eĉ tiuj tekstoj, kiuj tute ne plu interesas la Esperantistojn, kiuj ilin konas senpere, ekzistu en la arĥivoj en ambaŭ lingvoj.

Tiuj klarigoj celas nur montri, ke la Ligestraro ĉiam, en la plej larĝa spirito, solvas, por la eksterstaranta mondo, la lingvan demandon, kiun, por nia interna vivo, jam delonge solvis por ni nia Majstro mem.

# XXVIIIa Belga Kongreso

**Hasselt, 27-29 Majo 1939.**

Niaj amikoj en Hasselt jam ekkomencis la preparajn laborojn por nia XXVIIIa.

La adreso de la Loka Kongresa Komitato estas :

13, Kapelstraat
HASSELT

Kiel antaŭe fiksita, la kotizo nun estas Fr. 20,— kaj povas de nun esti pagata al la P.Ĉ.K. 1119.10 de « Belga Kongreso de Esperanto ».

# FOTOGRAFAĴOJ

Fotografaĵoj de la kongresanoj estas ankoraŭ mendeblaj ĉe S-ro Nestor Molle, 55 Montagne Charleroi, je :

Fr. 3,— poŝtkartformato.
Fr. 4,50 13 cm. x 18 cm.
Fr. 6,— 18 cm. x 24 cm.
Fr. 12,50 tutgranda formato.

La pagoj povas okazi al P.Ĉ.K. 11.19.10 de la Belga Kongreso.

# La Leono de Flandrujo

**En la tuta flandra lando, oni memorigas nunmomente la 100-datrevenon de la apero de la fama romano de Hendrik Conscience**

**LA LEONO DE FLANDRUJO,**

**kiu ekzistas, kiel ĉiu scias, en esperanta traduko.**

**Oni povas ĝin mendi ĉe Belga Esperanto-Instituto, 127, Lge Leemstr., Antverpeno, je Fr. 25 (broŝ.) kaj Fr 34 (bind.).**

**Ankaŭ la Belga Antologio (flandra kaj franca partoj) estas rekomendata por tiuj, kiuj volas legi, en bonegaj Esperantotekstoj, la ambaŭlingvajn belgajn literaturajn ĉefverkojn.**

# BELGA KRONIKO

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — Kunvenejoj « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France, kaj: Lge Leemstraat, 127, Lge Rue d'Argile: ĉiusabate je 21a h.

Sabaton, la 9an: Parolado de S-ro Faes: « Kelkaj sciindaĵoj pri Reĝo Alberto ». Ankaŭ kelkaj klarigoj de D-ro Pfeffer (Aŭstrujo) pri Lingvokomparo.

Dimanĉon, la 10an: Ekskurso en aŭtoĉaro al Marche-les-Dames kaj Beauraing. Foriro 7 h. 30 antaŭ la Teatro, Kipdorpbrug (antaŭa Nederlanda Teatro).

Sabaton, la 16an: Manĝvespero en Noordkasteel. Kunveno en Witte Leeuw. Foriro je la 8a.

Sabaton, la 23an: Grupa promenado: detaloj komunikotaj dum antaŭa kunveno.

Sabaton, la 30an: Parolado de S-ro S. H. Krestanoff.

BRUĜO. — **Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo.** — Ĉiumarde, je la 20-a. — SIDEJO: « Gouden Hoorn-Cornet d'Or », placo Simon Stevin, tel. 314.59.

KUNVENEJO: « Salonego Brangwyn », ĉe S-ano Jéhansart, placo Simon Stevin, Tel. 318.23.

Kunvenoj dum Julio 1938, ĉiuj en la kunvenejo:

Dimanĉon, la 3-an de Julio: je la 10 h. 45 sur la Granda Placo: partopreno al la sekvantaro okaze de la Kolonia Tago.

Mardon, la 5-an: Portretludo (Prez.: S-ro G. E. Guillaume).

Dimanĉon, la 10-an: tuttaga ekskurso al la maro: Zeebrugge, Heist, Duinbergen. Plenaj informoj dum la antaŭa kunveno.

Mardon, la 12-an: a) Legado de B.E. (Prez. S-ro Poupeye); b) Dikto de kanto (Prez. F-ino M. Vanden Berghe); c) Debato « Bestoj » (Prez. S-ro K. Decoster).

Mardon, la 19-an: a) 9-a leciono de kurso por progresantoj (F-ino Y. Thooris); b) Kantado. (Gvidado: S-ino Poupeye; ĉe la piano: S-ino Van Roye).

Mardon, la 26-an: a) 10-a leciono de kurso por pregresantoj (S-ro Ch. Poupeye); b) Parolado de S-ro H. Delcloo pri « Vizito al fabrikejo La Providence » (Prez. S-ro H. Van Roye.

N.B. — La grupa BIBLIOTEKO estas malfermata ĉiumarde de la 19.30-a ĝis la 20-a, en la Sidejo, Bibliotekistoj: S-ro Karel Decoster kaj F-ino M. Vanden Berghe. Tie ankaŭ samtempe: vendado kaj mendado de esperantaĵoj: libroj, steloj, poŝtkartoj, skribpapero, ktp.

HELPA VENDEJO de esperantaĵoj ĉe F-ino M. HUYGHE, Potterierei, 1, quai de la Poterie. (Helpa Poŝtoficejo.) Tel.: 315,61.

BRUSELO. — **« Esperantista Brusela Grupo ».** — Kunvenejo: « Hotelo Albert I », Placo Rogier, 10, ĉiulunde:

De la 7a ĝis la 8a: Dancleciono.
De la 8a ĝis la 9a: Kurso.
De la 9a ĝis la 10a: Kunveno.
La kunvenoj komenciĝos per kvinminuta perfektiga kurso.

Dimanĉon, la 3an de Julio: Tuttaga ekskurso al Keerbergen kaj Rijmenam. Gvidota vizito de Aarschot. Foiro 8 h. 35 malantaŭ la preĝejon Sta Mario en Schaarbeek.

Lundon, la 4-an: S-ro Van der Hecht parolos pri ĥinaj lingvoj kaj skribmaniero.

Lundon, la 11-an: S-ro Hart parolos pri « lo ajn ».

Lundon, la 18-an: S-ro Derks prelegos pri « Kinematografio ».

Dimanĉon, la 24-an: Vizito al la tombo de la fama poeto Emile Verhaeren. Perŝipa ekskurso. Detaloj sekvos.

Lundon, la 25-an: Ludvespero. Lastaj komunikaĵoj pri la Londona kongreso.

GENTO. — **« Genta Grupo Esperantista ».**

Lecionoj en la lernejo St. Pietersnieuwstraat, 45, ĉiumerkrede je la 7-a vespere.

## GRUPAJ RAPORTOJ.

**ANTVERPENO. — Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — La 4an de Julio, dum la belga samideanaro kunvenis por la granda jarfesto, kelkaj membroj intime kunvenis, en kafejo, por iom babili kaj la postan semajnon, ĉiuj ĝuis aŭ reĝuis la ĝojojn de la kongreso, ĉar tiam sinjoro M. Jaumotte tre interese rakontis la diversajn okazintaĵojn, vizitojn kaj agrablaĵojn de la tri Karloreĝaj tagoj.

Fine de sia klara parolado, li evidente ne forgesis jam insiste alvoki por la tri « Hasseltaj Tagoj », laŭ la devizo, « La kongreso mortis, vivu la kongreso! ».

S-ro Faes, vicprezidanto, lin kore dankis.

Sabaton, 18-an, la gemembroj de la grupo faris la ĉiujaran viziton al la pentekosta foiro. Fojon pli ili vagis laŭlonge de la diversaj budoj, vizitis multajn inter ili, sidis en karuselo, bonege amuziĝis kaj evidente ne forgesis... manĝi vaflojn.

Kaj por fini la monaton laŭ la antverpena tradicio, la kvaran programvesperon plenigis manĝvespero. Tiu ĉi vespero okazis en ejo nova por la grupo: « Le Phare », sur la Placo Reĝino Astrid.

Dimanĉe la 25an, dekkvino da membroj faris viziton al Geel, kie s-ro O. Van Dyck donis diversajn klarigojn.

**BRUĜO. — Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo.** — La 24-an de Majo, S-ro Ch. Poupeye donis sepan lecionon (pri simplaj vortoj) de la kurso por progresantoj. Post tio, S-ino Poupeye gvidis provkantadon de la kongreskantoj, kun akompanado ĉe la piano de S-ino Van Roye.

La 31-an, F-ino Y. Thooris faris la lastajn komunikaĵojn por la kongreso. Por fini la vesperon, la ĉeestantoj finlernis la kongreskantojn. La grupanoj havis la plezuro vidi inter si S-ron Bingham el Londono, membron de la grupo kaj F-inon Barbara Bingham.

La kunveno de la 7-a de Junio estis dediĉata al raportado pri la kongreso de Charleroi. Ĉiuj ĉeestantaj kongresanoj laŭvice raportis pri punkto el la kongresa programo. Ankaŭ S-roj Moy Thomas kaj Bingham partoprenis en tiu raportado. Fine F-ino Bingham tre agrable kantis.

La 14-an, post diversaj komunikaĵoj faritaj de F-ino Thooris, S-ro H. Van Roye lerte gvidis « reklamvesperon », dum kiu li sukcesis, laŭ tre agrabla maniero, informi la ĉeestantojn pri la komerco de ĉiuj samgrupanoj. Fine estontaj ekskursoj estis priparolataj. Unu tuttaga ekskurso al la maro kaj duontaga promenado en la kamparo estas antaŭvidataj.

**BRUSELO. — Esperantista Brusela Grupo.** — La 16-an de Majo, S-ro J. Baruch donis paroladon pri « La Folklore de la Finnaj Popoloj », kiu tre interesis la ĉeestantojn. Kun helpo de belaj lumbildoj, li klarigis pri la moroj, artoj, kostumoj de tiuj popoloj. Per longa aplaŭdo la ĉeestantaro dankis la paroladanton pro la interesa laboro.

La 23-an de Majo, la kantvespero, organizita de S-ro Van der Stempel, brile sukcesis. F-ino Pierre akompanis fortepiane. Ĉiuj ĉeestantoj bone amuziĝis. Estis gaja kunveno, dank' al ambaŭ muzikemaj membroj.

Dum la « parolata ĵurnalo » de la 30-a de Majo, gvidata de S-ino Plyson, la tre sindona S-ino Jacobsohn-Frehman parolis pri gimnastiko kaj aldonis klarigajn lumbildojn. Poste S-roj Van der Stempel kaj Castel rakontis humoraĵojn. Ĉiuj kunhelpantoj estis danke aplaŭditaj.

**GENTO. — Genta Grupo. — Ĝenerala kunsido de la 24-a de Junio.** — Post administra parto, konsistanta el raporto de S-ro De Man, pri la stato de la kaso, kaj reelekto de la komitatanoj kies komisio estis veninta al sia fino, F-ino M. Claeyssens faris paroladeton pri « La Libroj de l' Magiisto ». En la libraro de la « Kongreso » de « Usono », estas ĉiuj libroj eldonitaj pri magio, krom unu: «Hocus Pocus» de Johann Baptista Porta (17-a jarcento). Granda parto de la kolektaĵo estas donacita al la libraro de la Kongreso, de la fama Houdini, kiu ŝanĝis sian nomon de Weiss je « Houdini », pro admiro al Robert Houdin. Houdini kolektis ĥinajn magiajn librojn, kiujn li akiris pere de sia amiko Ching Ling Foo; plej fama iluziisto Robert Houdin uzis sian talenton en Algerio por detrui la tro grandan influon de « marabutoj », iluziante pli forte ol ili.

Dankante fraŭlinon Claeyssens, la prezidanto petis ŝin ekzameni la eblecon, por alia kunveno, pasi de teorio al praktiko.

Post tiu interesa paroladeto, Sinjorino De Rijcke humore donis kelkajn « konsilojn al maljunuloj ». Kompreneble, el tiuj konsiloj pri spirita kaj korpa higienoj, kiuj influas unu la alian, ĉiuj aŭskultintoj tiros profiton... en la estonto.

Anoncitan konkurson oni faris nur mallonge, ĉar S-ro J. Timmermans havis la bonegan ideon kunporti muzikaĵojn; li regalis per kelkaj pianaj arioj kiuj tre agrable pasigis la vesperon. Ĉiuj ĉeestintoj esperas ke li rekomencos.

## DANKESPRIMO.

F-inoj Alice kaj Céleste BOEREBOOM el Bruĝo, emocie dankas ĉiujn samideanojn, pro la tutkoraj pruvoj de kunsento al ili donitaj, okaze de la morto de ilia karmemora patro, s-ro Julien BOEREBOOM. († 6.5.38.)

## Nia Universala Kongreso

**Por la partoprenontoj**

Post kelkaj semajnoj. okazos en Londono nia ĉiujara internacia Kongreso.

Tiuj, kiuj deziras informojn pri la vojaĝo, povas sin turni al nia administrantino F-ino Jennen, 72, rue d'Albanie, Bruselo.

Ŝi havigis al ni kelkajn ĝeneralajn informojn, kiujn ni volonte antaŭmetas al niaj legantoj:

— Oni bezonas pasporton, sed ne vizon.

— Anstataŭ uzi la rabatprezon de 35 %, oni uzu, se eble, la turistan bileton, kiun la vojaĝontoj povas havigi al si en la stacidomo de sia urbo. Tiu bileto estas tre favora kaj valida dum 17 tagoj. La nura kondiĉo estas, ke oni foriru sabate aŭ dimanĉe: je la 9a. el la suda stacidomo en Bruselo, kun alveno en Ostendo je la 10a h. 20 kaj foriro per la ŝipo je la 10a h. 50. La alveno okazas en Londono, je la 16a h 20.

La prezoj de tiuj biletoj estas:

3a klaso vagonaro kaj 2a klaso ŝipo: Fr. 309,50.

3a klaso vagonaro kaj 1a klaso ŝipo: Fr. 346,—.

2a klaso vagonaro kaj 1a klaso ŝipo: Fr. 473,50.

La reveno povas okazi laŭplaĉe, sed plej malfrue la 17-an tagon.

Pliaj informoj volonte donos ankaŭ la oficejo de la « Wagons Lits-Cook » en la diversaj urboj.



## Diversaĵoj

**Somera kurso pri « Scienco kaj Paco »**

okazos la 16-29.8.1938 en la kastelo de Montcel, en Jouy-en-Josas (Francujo), proksime de Versailles. La kurso estos arangita de la komitato de Internacia Pac-Akademio fondita en januaro nunjara en Ĝenevo. Dum la kurso estos farataj prelegoj en lingvoj franca kaj angla; nome parolos: B. de Ligt pri « Enkonduko al la scienco pri la paco », Har Dayal pri « Antropologio kaj milito », A. Groeneveld pri « Psikologio kaj milito », Simone Weil pri « Socio kaj milito », Wilfr. Wellock pri «Novaj batalmetodoj », Maria Montessori pri « Porpaca edukado de la junularo », kaj Harold Bing pri « Memedukado por paco ». Ĉiumatene estas traktata aparta temo, kiun sekvos diskutado. La posttagmezoj estos liberaj por naĝado, teniso, promenadoj aŭ ekskursoj. — Adreso de la sekretariejo: 72 Abbey Road, London N.W. 8, Anglujo.

★

**Unua Internacia Filatelia Ekspozicio en Rio-de-Janeiro.**

La Unua Internacia Filatelia Ekspozicio, okazonta en Brazilo sub la nomo BRAPEX, havos lokon en Rio-de-Janeiro, de la 2-a ĝis la 30-a de oktobro nunjara. La ekspozicio estas organizota de la Brazila Filatelia Klubo, kiu komisiis tiun laboron kaj ĝian realigon al Organiza Komisiono. Ĝi estas oficialigita kaj subvenciita de la brazila registaro kaj efektiviĝos sub la honora prezido de la Respublika Prezidanto kaj la patroneco de la Ministroj de Trafiko kaj de Financo kaj de « Internacia Filatelia Federacio » kaj « Federacio de la Filateliaj Societoj ».

La Organiza Komisiono baldaŭ eldonos bele ilustritan Bultenon enhavantan la Regularon de la Ekspozicio kaj la Klasifikon de la elmontrotaj objektoj. Ĝi estos redaktata en la ĉefaj nacilingvoj **kaj en Esperanto.**

Bonvolu tuj peti la Bultenon de: Comissão Organisadora da BRAPEX, Av. Rio Branco, 117, 2º and., Rio-de-Janeiro, Brazilo.



## Anoncetoj

*Turnu vin al samideanaj firmoj :*



## POR KORESPONDEMULO

Legiano Wilmotte Oscar, 6839, Clique 4 R.E. Camp Mangin, Marrakech, Maroko, deziras korespondi kun esperantistino.

**E. Anderegg-Chevalley,** Horn am Bodensee, Thurgau (Svisujo) serĉas urĝe por filatelista ekspozicio, la Esperanto-Kongres-poŝtstampon de Antverpeno 1928. Li deziras ĝin interŝanĝi aŭ aĉeti.

ESTRARO DE „ BELGA LIGO ESPERANTISTA "

**Prezidanto:** D-ro Paul Kempeneers, 19, Avenue Montjoie, Uccle. (Tel.: 44.53.00.)
**Vicprezidantino:** F-ino Yvonne Thooris, 4, Wijnzakstraat — Rue de l'Outre, Bruĝo. (Tel.: 320.86.)
**Vicprezidanto:** S-ro Maurice Jaumotte, 44, Avenuo De Bruyn, Wilryck (Antverpeno). (Tel.: 777.58.)
**Sekretario:** S-ro Ch. Poupeye, 42, Elf Julistraat, Bruĝo.
**Kasisto:** S-ro André Tassin, 1, rue St Joseph, La Louvière.

**Por pagoj de kotizoj, anoncoj, abonoj kaj donacoj:**
P.Ĉ.K. 1337.67 de Belga Ligo Esperantista (La Louvière).

**Por pagoj al I. E. L.:**
grupanoj al la P.Ĉ.K. de sia grupo ;
izoluloj al la P.Ĉ.K. de Belga Ligo
Por ĉiuj aliaj rilatoj pri I.E.L. sin turni al : S-ro G. Van den Bossche, teritoria sekretario. Rembrandtstr., 7, Antverpeno.

**Por pagoj al Belga Esperanto-Instituto:**
P.Ĉ.K. 1689.58, Antverpeno (Lange Leemstraat, 127).

Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Lange Leemstraat, 127, ANTVERPENO.